# Amikeco

G a z e t o de la
Internacia Esperantista Kolektanto Klubo,
Sekcio de Migrantaj Pos'tkartoj,
Jnternacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto; J o s e f G r o e b e l .
Administrado: Coblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5

No.4 aprilo 1925 2.jaro.

Abonprezo: po jaro 1 U.S. Dollar.
Anoncprezoj: 1 pag'o 6 U.S. Dollars, ½ Pag'o 3½ U.S. Dollars, ¼ pag'o 2 U.S. Dollars. Malgrandaj inters'ang'anoncoj c'in vorto 5 orfenigojn. Fino de la akcepto de la anoncoj po la 1 an de monato.

N O T O !

C'ar g'is ne estis eble, ricevi konvenajn esperantajn literojn je nia platpresilo,ni petas bonvolu senkulpigi iajn preseraro.jn.La nova membrolisto certe aperos en la venonta eldono

*

Detruig'o de Danzigaj „inflationsmarkoj".

kiel la Danziga pos'tmarkaj revuo el kompetenta fonto sciigas, la Danziga superpos'tadministracio detruigis oficiale de longe grandajn arojn de la detalaj specoj de tiel nomitaj „inflationsmarkoj" de Danzigo. Koncernas c'irkau' 100000 kompostojn de la flugpos'to V,c'irkau' 300000 specojn de la grandformata blua 20000 marko, restaj'ojn de la 10 g'is 500 milionmarkoj, 100 milionoj sur 20000 marko kaj 1-5 milionoj sur 10000 marko rug'a. Bezonis kelke da grandaj veturiloj, por transporti tiujn -c'i restaj'ojn el la presego al la detruigejo.

*

I R U M A G D E B U R G O N

al la Germana Esperantokongreso.

NOVAJ POS'TMARKOJ 1925.

Albanujo. Bonfarecaj markoj, 5,10,25, kun rug'a kruzo kaj nigra surpreso 5 quint. Flugpos'tmarkoj 5,10,25,50 orcent kaj 1,2,3 orfr.

Azoren. Alplenigaj valoroj 3 cts. blua kaj 6 cts. bruna.

Belgujo. Kolors'ang'o pagmarko 10 cts. bluverda anstatau'e flavverda, fervojomarkoj de la nova modelo 4 Frs. rug'a kaj 5 Frs. helviola. 50 c. olivbruna, reg'o Alberto.

Bolivujo. Flugpos'tmarkoj, mezpeco nigra 10 25,50c. kaj 1,2,5 Bolivar.

Britujo. Rembursmarkoj 2sh.6d. orang'a kaj flava.

Bulgarujo. Superpreso 10 st. rug'a sur 1 st griznigra, 20 st. nigra sur pagmarkoj 10 st. viola kaj 30 st. rug'u.

C'eh'oslovakio. Masaryk-bildo 40 h. orang'a 50 h. herbverda, 60 h. rug'violblua, 1 Kc. cinobra, 2 Kc. s'talblua, 3 Kc. nuksobruna, 5 Kc verda kaj pos'tkarto 50 herbverda helflava papero. [Sciigo s-o. Ing. Otto Schwarz.]

Danujo. Memorig'markoj je la 300jara estinto de la dana pos'to, po 3 valoroj 10,15 kaj 20 oers en 4 diversaj leteroj.

Danzigo. La valoroj je 1 kaj 2 guldenoj en nova koloro,1 guldeno nigra kaj orang'a,2 guldenoj nigra kaj bluviola.

Estlando. 30 mark singviola, 70 mark helkarmina ambau mezpecoj nigraj. Flugpos'tmarko po 5 M kun rug'a surpreso 20 M.

Francujo. Kapo de Pasteur 15 c. verda' eksposicio-markoj, 25 c. bruna kaj 75 c. blua. 30 cts. Saerin, estinte orang'a nun siringviolroza

Franca Togo. 1,2,4,5,10 kaj 15 c. en la mezo palmujoj, 20,25,30,35,40,45,50,60.65,75 kaj 85 c. en la mezo kakaoarboj, 1,2, kaj 5 Frs. en la mezo kokosorikolto.

Islando. Superpreso 10 Kr sur 1 Kr. flava.

Italio Memorig'markoj je la sankta jaro 6 diversaj valoroj Rapidmarko 2 L.blua kaj rug'a.

Lettlando Alplenigа valoro 5 S. smeraldoverda

Luksenburgo Kolors'ang'o 10 ct. olivbruna 15ct. flavverda 50ct helrug'a 75ct. ardezoblua, ankau kun surpreso „Officiel".

Monako Kapo de la princo Louis al maldekstre 15 flavverda, 20 siringviola, 25 rosa, 30 flava kaj 40 c. malhelbruna. 1 fr. desegno kiel 40 c. Telponto, migra preso sur flava papero.

Nederlando reg'ino maldekstren 60c bluviola

Paraguayo Nova landkartdesegno 2 P. karmina.

Polujo Pos'te en Danzig 1,2,3,5,10,15,20,25 30,40,50,Gr. kun nigra surpreso „Port Gdansk" (Danziga haveno) markoj bruna 1,2,25,30 Gr. 1 2,5 Zloty.

Portugalujo Novaj valoroj; Falc'istino 6 c. bruna, 8 c. orang'a, 32 c. verda, 1 Esc. 6o c. blua 3 Esc. 2o c. bronzverda 2o Esc. helbluverda.

Rumanio 2 Lei verda 6 Lei rosa 7 Lei 5o Bani helblua lo Lei malhelblua.

Rusujo Lenin memormarkoj kun la Mau'soleo en Moskau' 7 Kop. blua, 14 Kop. verda, 2o Kop. karmina, 4o Kop. violbruna.

Svisujo 5,lo,2o,25,3o,5o Rappen olivverda kaj rug'a kun infanobildo.

Venezuelo Servomarkoj, tratruig'o. G.N. lo, 25,5o St. kaj 1 Bolivar memorig'marko je la liberigbatalo de Ayacuche 25c. bluverda, lau'-larg'a formato kun la kapoj Bolivars kaj Sucres

Ungario „Afrankprovizoroj", rug'a surpreso „Porto" 5oo, looo kaj 2ooo Kronoj sur 3 Kronoj flavbruna falc'isto.

Hispanujo bildo dè la reg'o destren 4 Pes. rug'sirinviola kaj lo Pes. bruna.

*

---

# Geneve!

Okaze la „Esperanto" mondkongreso de 2 a g'is 8 a de Angusto 1925 al Genèvo (Svisujo) aperos festnumero de la „Amikeco". C'iu anoncoj por tiu-c'i festnumero devas esti senditaj plej malfrue g'is 1 a de Julio 1925 al la prezidanto.

---

VARBU POR LA AMIKECO!

Danaj jubileomarkoj - malgranda eraro je ili.

Je la danaj jubileomarkoj oni povas fari interesan observon, - por la Markoj, kiel konate estis uzataj 4 diversaj markbildoj, nome Christian IV kaj la nuna reg'o Christian X, unufoje kun la vizag'o dekstren kaj aliafoje maldekstren. La bildo de Christian IV tute estas en ordo, la harligo pendas je ambau bildoj c'e la maldekstra flanko de la kapo, sed la bildo de la estanta reg'o montras la hardisigon unufoje dekstren, aliafoje maldekstren. (La reg'o fakte portas la hardisigon maldekstren). Oni ja povas klarigi la eraron, ke por la bildo de Christian IV du diversaj desegnoj ekzistis kaj alie por la bildo de Christian X la sama desegno dufoje estis uzata.